# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto 11/11/2012 Okdekkvara Eldono 2012 11/11/2012 SENDITA

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else

La informa kaj noma paĝoj nur aperos en la dekaj eldonoj

## GRAVAJ DATOJ vidu Tamen Plu de Bob Felby

Se vi ne ricevas Tamen Plu de Bob Felby aŭ Australiaj Esperantistoj, aŭ ricevas dufoje, informu AE.

**Kiam oni ne informas, onidiroj plenigas la mankon da informado**

**Skribu, informu 200 retadresaranojn de AE pri viaj novaĵoj**

# NOVAĴO




## ALKLAKU la hiperligilojn



AŭSKULTU, LEGU **ESPERANTAN RETRADION** TAGE Informaj rakontetoj, Bona lingvo, Malmultaj minutoj. Plibonigu vian Esperanton http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

## 3ZZZ

En Melburno vi povas aŭskulti lundon de la 1a ĝis la 2a ptm je 92.3 FM



De ie ajn en la mondo eblas aŭskulti dum la semajno kiam la programo estis elsendita je 3zzz.com.au aŭ iam ajn en la arkivigejo www.melburno.org.au. Aŭdeblas la voĉo de Alan Bishop, Karl Egger, Laszlo Farkas, Franciska Toubale kaj de multaj intervjuitoj

Kontaktu 3zzzesperanto@gmail.com

# La gastlibro pri Donald Broadribb

Karaj,



En la pasinta novaĵletero mi metis ligon al la gastlibro pri Donald Broadribb en The West Australian sed nur unu persono prenis la tempon por enskribi ion post la elsendado de la novaĵletero: Diano

Mi esperis ke Liz vidus, ke tre multaj aŭstraliaj esperantistoj bedaŭras lian forpason. Nu, ankoraŭ ne tro malfruas por skribi ion. http://www.legacy.com/guestbooks/thewest-au/guestbook.aspx?n=donald-broadribb&pid=160585070

Mi kunsendas la foton kiun Liz enmetis en la gastlibron.

Amike Nicole

# KLUBNOVAĴO





**Informas la aktivaj kluboj kaj grupoj**



**La Manlia Esperanto-Klubo** kunvenos la 17an de Novembro. Ĉiuj bonvenaj. Unu taso da senpaga kafo



**Esperanto-Domo Sidnejo** 25 Nov 2012

Aferkunveno 11atm Amuzkunveno 12ptm ĝis 4ptm?

**Sidnejo: Esperanto-Domo Zamenhof Tago 16 Decembro 12 meztage Ĉiuj bonvenaj**



**Central Coast Esperanto Club**

kunvenos Sab 2ptm 10 Nov 2012 Bamboo Buddha Café

221 Wattle Tree Road, Holgate NSW 2250



**La Brisbana Esperanto-Societo**

monate kunvenas sabaton je 13.00, en la Centra Urbega Biblioteko. La venonta kunveno okazos je sabato novembro 17. Ni ekzercos nin pri gramatiko ktp. Je 15.00, ni iros al apuda kafejo por trinki kaj konversacii.

Kay Andersen



**La Tasmania Esperanta Societo**

kunvenas, ĉiun jaŭdon je la Metz trinkejo, Sandy Bay.

Je la 7-a ĝis 8:30 ĉe Metz kaj poste ni kutime kune vespermanĝas...

Roberto Budzul

**ADELAJDA ESPEREJO**, Ĝi aktivas ĉiusemajne
No 81/9 East Tce, ADELAIDE 5000, tel (08) 8359-3375
sabate 10.30 - 12.30 Brendan Linnane gvidas pri *La Bona Lingvo*
vendrede 10.00 - 12.00 Max Wearing gvidas pri *Gerda Malaperis*.
Max Wearing



## Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os? Kiuj ĉeestis?

Maldetala informo sufiĉas. Skribu al AE kaj Aŭstralio rspring@tpg.com.au
Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena




Surfote Libby Mortimer kaj Helen Palmer

## Jen io el Adelajdo.

Amike, sendis Katja

La 4-an de novembro adelajdanoj boatekskursis. Ni pasigis du agrablajn horojn krozante en Adelajd-haveno. Libby Mortimer, la organizantino de la programo, gvidis nin poste al statuo, en kies piedestalo estas engravuritaj nomoj de signifaj lokaj agantoj. Kiel ĝis nun lasta aperas tie ĝuste la nomo de la forpasinta edzo de Libby, nia Esperanto-amiko Arturo Mortimer.

http://translation.utdallas.edu/Interviews/HumphreyTonkinTR_7.html Angle sed tre bone

Ĉu $241,600 aŭ pli? uzis AEA dum 7 jaroj 2005-2012 Ĉu estas bona kont-libro?

# AEA Informas

GOODWILL CONGRESS MELBOURNE 17-21 JANUARY, 2013

Ne estos Aŭstralia somerlernejo dum januaro 2013, estos Bonkora Kongreso 17-21 Januaro 2012 en Melburno. Pliaj informoj venos

# LETEROJ mallongaj de la legantoj



Malpli ol duona paĝo Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena

## La sistemo metra decimala



En numero 83a mi rimarkis sur la unua paĝo foton kun la enskribo :Homaro bezonis pli ol jarmilon por akcepti arabajn ciferojn.

Evidente ne, sed la historio montras, ke kun tempo iom post iom la ideoj justaj venkas. Por ilustri tion, jen la resuma historio de ideo preskaŭ pli ol ducentjara: la sistemo metra decimala.

Tiu sistemo koncernas pezojn,mezurojn kaj monerojn. Ĝi estas adaptita kiel bazo de dek. Ĝi estis prezentita de la Scienca Akademio de Parizo al la Franca Nacia Asembleo en 1791 kaj adaptita en tiu lando en 1801. Tamen la unua lando, kiu igis deviga la sistemon estis Norvegujo(1832), ĝin sekvis Francujo (1837), Hispanujo kaj Kubo (ambaŭ) en 1849, Kolombio (1853), Italujo(1861), Brazilo (1862), Peruo(1869). Belgio kaj Portugalio (ambaŭ) en 1870, Germanujo (1872),Hungarujo kaj Aŭstrujo (ambaŭ) en 1876, Svislando kaj Argentino (ambaŭ) en1877, Rumanujo (1884). Meksikio (1886), Svedujo (1889),Urugvajo (1894), Greklando, Gvatemalo, Salvadoro, Kost-Riko, Honduraso kaj Nikaragvo (ĉiuj en 1912). Aŭstralio kaj Japanujo (ambaŭ) en 1966. En Julio 1967 reĝino Elizabet la dua rajtigis la ŝanĝon ankaŭ en Anglujo, kie ĝi plene validas ekde februaro1971. En Usono estas ĉiam pli granda la tendenco adapti la sistemon decimalan kaj tiurilate estas pluraj projektoj (enciklopedio”Compacta”1971). Vere tempo por akcepti ŝanĝon.

Esperanto sen antaŭjuĝo. Svetislav Kanaĉki

## Skajpa kunveno



Rimarko pri la Skajpa kunveno: Ĉu tio koncernas nur lokanojn aŭ temas pri landaj organizoj aŭ monda ebleco? Se jes ,mi pretos esti parto de grupo. S.K. stevskank@hotmail.com

## Kion fari kun niaj historiaĵoj?

Komentoj pri artikolo de Katja Steele: pri la konservado de esperantaĵoj.



Mi ofte pensadis pri la granda kvanto de perditaj esperantaĵoj, pro manko de spaco kaj enarkivigo de la pasintaj eldonaĵoj kaj bona prizorgado. Mi havis sperton pri la granda laboro de la Manlianoj kaj



Sidnejanoj kiuj de tempo al tempo preparis radioprogramojn de 5 ĝis 10 minutaj lecionoj de Esperanto en radio. Kiam mi komencis ĉe 3zzz Esperanto-radio programon de 15 minutoj, mi ricevis 90 bobenojn sonbendigitajn. Bedaŭrinde mi ne povis uzi ilin, pro la neglekto aŭ nescio ke la bendoj pro malsekeco en stokejo perdadas magneto-metalon de sur la bendo kaj ŝtopas magnetofon-aparaton, pro tio la historio da multaj rakontaĵoj malaperas por ĉiam. Do tio validas ne nur por kasedoj kaj bobenoj la samo validas por ĉio, libroj, manuskriptoj, fotoj, ĉiuj aĵoj. La loko en kiu oni devus prizorgi esperantaĵojn, devus esti klimatizita por eviti perdon de historio. Pensu serioze ke la tempo venos ke iu bezonos trarigardi laboron de antaŭuloj. S.K.



Mi persone prizorgas la 3zzz Esperanto programojn, voĉan, skriban, laŭ mia amatora povo kaj kompreno, lingve, skribe, arkive, agantoj, kunlaborantoj, gastoj, intervjuoj, kantoj, datoj, ĉio aranĝita amatore. Ĝis nun mi havas voĉajn kasedojn, bobenojn, minidiskojn en preskaŭ 30 skatoloj, krome skribajn detalojn en kelkaj skatoloj. Estas mia timo kion fari por ke ne perdiĝu la laboro de multaj el ni.

Same pri mia stoko de libroj, diversspecaj, proksimume 200 legolibroj, vortaroj, religioj, ĉiuspecaj ktp. Svetislav Kanaĉki.

# LETEROJ IOM LONGAJ



Pli ol duona paĝo Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena

## Esperanto-kurso en Wilunga

Estimataj gesamideanoj

Plaĉos al vi ekscii ke Esperanto-kurson en Wilunga, historia urbeto kiu situas 40 kilometrojn sude de la Sud-Aŭstralia ĉefurbo, mi starigis antaŭ proksimume du monatoj. Mi hezitis ĝis nun sciigi vin pri tiu bona novaĵo ĉar kutime miaj iniciatoj okazigi novan kurson, ekzemple antaŭ du jaroj ĉe la UNISA tereno de Whyalla kadre de la Universitato de la Tria Aĝo, rezultigas malmulton. Ne temas tamen eĉ tie 'kie la fosforejo renkontas la maron' pri tuta malsukceso ĉar ĉiuokaze oni, inkluzive de influ-havaj instruistoj kaj profesoroj, apreze enkapigas almenaŭ la porpacajn idealojn de la Movado, ĉu ne!?

Ĉi foje tamen en Adelajdo mi tre optimismas ĉar kelkaj el miaj 'viktimoj' elspezas monon por aĉeti vortarojn kiujn disponigis nia senlaca antaŭeniganto de la zamenhofa lingvo - Katja Steele. Montriĝos miaopinie pro tiu preteco elspezi ke almenaŭ du el miaj ses kursanoj iĝos post iom da tempo veraj esperantistoj.

Tute novan aldonan kurson de Esperanto mi pasintsemajne starigis ĉe la Bahaa Centro: 342 Brighton road, North Brighton 5048. Ĝis nun en ĉi lasta, daŭrigota en ĉiu ĵauda posttagmezo, nur unu komencanto lernas Esperanton sed espereble pli da bahaanoj apud Brighton sekvos iam ŝian ekzemplon. Interesa koincido kuŝas en tio ke nia ĵus anoncita prezidanto de la Aŭstralia Esperanto-Asocio (Sandor Horvath) instruis antaŭ nelonge al Sahar, tiu sola komencanto, la 'diablan' anglan lingvon.

Cele al disvastigado de Esperanto inter bahaanoj mi baldaŭ anglalingve aperigos tute novan libron kies titolo estas "From Babel to Baha'i", t.e. De Babel-turo ĝis Baha'i. Bonvolu inviti esperantistojn ne heziti kontakti min por havigi en la angla aŭ en la persa senpagajn materialojn cele al Esperantistigo de la tuta ses miliona bahaanaro. Dankon.
Amike via
Paulo Desailly
Adelajdo
pauldesailly@bigpond.com

UEA-fakdelegito pri Bahaismo kaj Rotaria Amikaro de Esperantistoj
Ano de Pasporta Servo

PS. Niaj naŭ jara Eddie kaj tri jara Amin estas esperantistoj

# Esperanto por UN: Invito al Kunlaboro



Post kelkjara agado, **Esperanto por UN** (EUN) nun volas krei pli sekuran strukturon por daŭrigi sian laboron.

Ni jam havas

- nian propran retpaĝaron, www.esperanto-un.org
- niajn ĉiujarajn seminariojn ĉe la Universalaj Kongresoj
- nian agadgrupon en Novjorko
- centon da membroj tra la tuta mondo

Ni volas nun starigi internacian estraron, kun la celo

- plilarĝigi nian informadon al esperantistoj pri la laboro de UN
- krei instrumaterialon pri UN por Esperanto-kursoj kaj por instruistoj
- plivastigi nian retpaĝaron

- elserĉi la financajn rimedojn, kiujn ni bezonas por plenumi la laboron
- pliprofundigi nian informlaboron al ĉiuj ĉefaj organoj de UN tra la mondo
- serĉi kunlaboron kun aliaj similcelaj neregistaraj organizaĵoj
- intensigi fakulan interesiĝon pri la uzo de lingvoj ĉe UN·

starigi komunikkanalojn por niaj membroj

- peti aliĝon al UEA kiel faka asocio.



Ĉu vi pretas helpi? Ni serĉas homojn (de ĉiuj aĝoj kaj el ĉiuj landoj) kun sperto, lerto kaj entuziasmo por transpreni taskojn en tiu ĉi agado.

Bonvolu mem proponi vin kaj proponi ankaŭ aliajn homojn, kiuj viatakse povus helpi nin. Skribu al: info@esperanto-un.org. Ni serĉas estraranojn, redaktorojn, administrantojn, helpantojn.

Nome de **Esperanto por UN** – via teamo en Novjorko



**Ulrich Becker, Steven Brewer, Neil Blonstein, Ria Boemi, Jan Long, Sofiya Soskina, Humphrey Tonkin**

novembro 2012

# Terry Manley demandas

## KIES HISTORIO?

Kiam okazis, ke la akceptinda speco de historio estas nur la skribita? La vualo de mitoj kaj troaĵoj de parolita historio preskaŭ senvalorigis ĝin, laŭ la opinioj de iuj akademianaj historiistoj. Do se la historio estas skribita, ekzemple en la taglibro de ŝipestro aŭ oficialulo en kolonio, tia historio estas la akceptenda. Sed valoraj ŝpuroj de historio ja ekzistas en la rakontoj de popoloj. Ju pli aktuala la historio des pli subjektiva, sed ankaŭ entenata estas aktualaj eventoj kaj la rakontoj de tiuj kiuj spertis la historion.



En la lernejo mi lernis, ke Blaxland, Wentworth kaj Lawson estis la unuaj eŭropanoj kiuj transiris la Bluan Montaron okcidenten de Sidnejo en 1813. Ili atingis Monton York sed ne transiris la ĉefan montĉenon. Estis du jarojn poste 1815, ke Evans atingis la lokon de Bathurst kaj preter tio la Riveron Lachlan. Antaŭ tiuj esploroj oni lernis, ke la montaro estis ne transirebla barilo.

Sed en libro eldonita en 1865 (Australian Discovery – Samuel Bennet) oni

legas, “Ne estas ĝis 1799, ke tiu malfacilaĵo estis venkita (la Blua Montaro) per viro Wilson, krimulo, sed viro de iuj atingoj, kiu loĝis kun la indiĝenoj dum kelkaj jaroj. Li gvidis tri aliajn novloĝantojn de la kolonio, kiuj portis la necesaĵojn de la vojaĝo. Post sia reveno li rakontis al guberniestro Hunter pri la distanco, medio kaj direkto de riveroj transiritaj. Kvankam estis nur Hunter kiu kredis lin, poste estis evidente ke li diris la veron kaj iris ĝis la Lachlan rivero.” Wilson iris 130 mejlojn for de Sidnejo.

Oni povas disputi, ke ne temas pri transiro okcidenten de Sidnejo ĉar Wilson iris WSW, sed mankigi tiun esploron el historio estas nejusta. Ĉefaj historilibroj faras tion. Kial? Se oni plulegas en la libro de Bennet oni gajnas komprenon.
Bennet citas el la historio de Kolonelo Collins (kiu poste iĝis Guberniestro de Tasmanio) . Temas pri la traktado de la indiĝenoj en la frua parto de la kolonio.1795.
“Nenia dubo restis pri la malbona kaj nediplomato konduto de iuj el la koloniistoj, kontraŭ la indiĝenoj. Por rekompenci kruelecon kiun ili spertis ili mortminacis tri el la indiĝenoj nomataj kaj erare atakis kaj vundis aliajn. Ĉi tion oni lernis per Wilson (la sama), sovaĝema, senlaborema junulo, kiu post la periodo de sia mallibero, preferis loĝi inter la indiĝenoj apud la rivero, anstataŭ honeste labori por la koloniistoj. Li gajnis ian mezlingvon inter la sia kaj la indiĝena, per kiu li komprenis plejparton de iliaj komunikoj. Kaj li ne kaŝis la senson de la difekto kiun ili suferis. Ĉar la satigo de mallaborema, vagema mieno estis la nura celo de Wilson, per loĝado kun ĉi tiuj homoj, nenia bona rezulto estus atingebla. Kaj estus probable, ke estontece, se li seniluziiĝus pri la blankuloj, li helpus la nigrulojn ŝteli aŭ ili helpus lin venĝpuni pro liaj suferoj. S-ro Grimes, tial, proponis porti lin al haveno Stephens per boato.”



Collins estis unu el la gravaj historifontoj de la fruaj jaroj kaj certe ne havis altan estimon pri la karaktero de Wilson. Do ĉu tial oni malofte legas pri la atingoj de Wilson?

Mia prelego kaj teatraĵo antaŭ jaro en Adelajdo temis parte pri la diferencoj inter historiaj registraĵoj kiujn diversaj nacioj prezentas. Sed kiel oni konstatas, ankaŭ okazas diverseco en la sama lando, en la sama urbo. Ĉu en la sama klubo?
Kiel priskribi la pasintajn sep jarojn en Esperantujo en Aŭstralio? Kiel senpartie, objektive prezenti tion? Oni povas prezenti la sekajn faktojn sen mencii malfacilaĵojn. Ĉu tio helpos al membrontoj post 20 aŭ 30 jaroj, kiuj rigardas al la statistikoj kaj gratas la kapon pri falo en la membriĝo?

Rigardinte nenovajn adresarojn de AEA (mi skribas nenovajn ĉar iuj nunaj membroj estas en la libroj – inkluzive de Roger, Volo kaj Margaret, kiuj nun, ni diru, estas nejunaj), mi scivolas kial la membronombro subite gajnis en 1970, ĝis ĉ. 425, kaj poste ree falis ĝis ĉ.250? Eble iuj el ili povos klarigi tion. Eble temas pri la varbado de Tiny Goldsmith? Sed kial ĉ. 100 forlasis AEA-on inter 1970 kaj 1980?

Ĉu oni devas rigardi pli grandan bildon? Certe mondcirkonstancoj influas la movadon. Vojaĝadi estis multe pli facila dum la lastaj 20-30 jaroj.